XIVa jaro. Nº 211 (3) ☆ Monata ☆ Marto 1918

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
Luksa eldono . . . . . . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj
*Svisa poštĉeka konto I. 824. – Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0. 50 Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0. 40 Frankoj
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0. 50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

**TEKSTO.** — **Nuntempajoj:** *Nova kulturtasko*, D-ro Max Friedrichs. — **Socia vivo:** *La Bahaismo*, Ch. Baudoin. — *La nacieco de la edziniĝinta virino*, Albert Picot. — *Militaj aforismoj*, Ch. Baudoin. — **Literaturo:** *La kuracistoj-specialistoj*, Tristan Bernard. — *La ĉaro de Kronos*, Karl Spitteler. — **Esperantismo:** *Nia agado dum la milito*, H. H. — *Kroniko*. — *Diversajoj*. — *Tra la gazetaro*. — *Oficiala informilo de UEA*. — *Esperantista Parolejo*. — *Lingvaj Studoj*. — *Alvokoj*. — *Niaj Mortintoj*.

NUNTEMPAĴOJ

## NOVA KULTURTASKO

Ke la venonta paco ne devas esti denove tia en la malnova militista senco, kiel ĝi sekvis ĝis nun ĉiun militon, sed ke ĝi devas esti organiza paco, kiu por ĉiam forekzilos la armadon, neebligos pluajn militojn kaj fariĝos la komenco de nova epoko, de nova, pli alta kulturo kaj monda ordo — pri tio konsentas ĉiuj homamikoj. Se oni povas paroli pri gajno de tiu ĉi terura hombuĉado, ĝi nur povas ekzisti en tia paco. Se anstataŭ tio denove aperus la malnova, kun armiloj altrudita paco kaj la per armiloj subtenata stato, vere, tiam oni devus malesperi pri la homaro.

La frenezo de tiu ĉi milito al ni ŝajnas tro videbla kaj terura, por ke ni povu kredi, ke la militantaj popoloj akceptos pacon, kiu denove enhavus la ĝermon de nova milito.

Malgraŭ tio min ne forlasas certa dubo. Ne ke mi ne povus kredi al ia sukceso en la dirita senco, sed esperi plenan sukceson ŝajnas al mi esti tro granda optimismo. Anstataŭ io tuta ni certe ricevos ion duonan aŭ ankoraŭ pli malmulte kaj ni devos esti kontentaj kun tio. Ĉar ĉiu pli alta celo en la homara historio ne estas atingita unufoje kaj per unu salto, sed malrapide paŝo post paŝo.

Sekve post la milito ekzistos ankaŭ por la pacamikoj sufiĉega laboro ankoraŭ por longa tempo, kaj certe kelkaj inter la gvidantoj de la paca movado havas jam en la kapo laborprogramon pli aŭ malpli klaran. La gravega demando: kion ni povas kaj devas fari por helpi al nia granda afero, certe seninterrompe okupas ankaŭ multajn aliajn, kiuj ne estas konsiderataj kiel gvidantoj.

Ankaŭ min ĝi jam de longe pripensigis. Unue mi intencis publikigi miajn pensojn pri tio nur je la konkludo de la paco, ĉar tiu ĉi momento ŝajnis al mi la plej konvena. Dume mi venis al alia opinio kaj ne volas reteni pli longe tion, kion mi jam elpensis antaŭ jaroj.

En la *fondo de internacia universitato* mi vidas potencan helprimedon por la atingo de monda stato, kiu iom post iom devas forpuŝi la militon. Mi diras klare: *helprimedo* apud ĉiuj ceteraj rimedoj kaj vojoj, kiuj laboras rekte al la sama celo. Por nuligi de komenco ĉiun malkomprenon, mi rimarkigas, ke kompreneble estus tute neĝuste, se mi kredus dezirinda la fondon de tia instruejo *nur* por pacaj interesoj, se mi volus certigi, ke la neceso de tiu fondo kuŝas nur en tio, ke per ĝi pacaj interpopolaj rilatoj estos helpataj. Ne, la scienco, arto, tekniko kaj ĉiuj similaj grandaj kreajoj de la homa spirito estas internaciaj laŭ sia karaktero, kaj internacia universitato, en kiu estos instruataj ĉiuj tiuj fakoj, portas en si mem la rajton de sia fondo kaj ekzisto, kaj pro tio estas necesa, ankaŭ se ĝi ne havus aliajn, bonajn, apudajn celojn ekster si. Sed kompreneble ĝi *povas* ankaŭ havi la lastajn kaj vere ĝi havas ilin. Se mi do povas atentigi pri la neceso de tia kreo en ĉiuj cirkonstancoj kiel homo de la scienco kaj amiko de ĉiuj spiritaj kreajoj, tiel mi povas, se mi estas samtempe pacamiko, insisti kun ankoraŭ pli granda fervoro, pensante al la utilaj efikoj, kiujn devas havi tia instruejo krom sia speciala valoro. Ĉi tie kompreneble mi parolas kiel pacamiko, kaj kiel tia mi krias al ĉiuj samideanoj: kunhelpu ĉe tiu granda verko, ankaŭ ĝi apartenas al nia laborprogramo!

Kio estas internacia universitato? Ĝi estas instruejo, en kiu oni sin okupas pri ĉiuj sciencoj, artoj, teknikaj kaj artmetiaj kaj ĝenerale ĉiuj fakoj, kiuj estas instruataj ĉe ĉiuj universitatoj, komercaj altaj lernejoj, artaj akademioj, konservatorioj de muziko kaj ceteraj institutoj de la tuta mondo. Nenio devas manki, neniu direkto devas esti preferata kaj neniu kulturpopolo devas esti ellasata; ĉiu devas sendi siajn plej signifajn kaj plej talentajn virojn kaj virinojn kiel instruantojn. Sendube ili ne devas instrui ekskluzive en la lingvo de sia popolo, pli vere oni devas ankaŭ postuli, ke ĉiu povu prezenti siajn doktrinojn en unu el la plej multe parolataj mondlingvoj, angle, france aŭ germane. Kiel el ĉiuj partoj de la civilizita tero venos la instruistoj, tiel ankaŭ ne malpli la lernantoj. Ĉi tie ĉiu devas trovi ĉion kion li serĉas, ĉi tie renkontiĝu eŭropanoj, amerikanoj, azianoj, afrikanoj, ĉi tie la ĥino kaj la turko, kaj ĉiu homo havu la okazon konatiĝi kaj ŝati la sciencojn, artojn kaj kulturon de ĉiuj

popoloj de la tero kaj larĝigi la malvastan horizonton, en kiu li vivis, al la horizonto de la homaro.

Oni tuj vidas la grandan diferencon inter tiu kaj ĉiuj nuntempe ekzistantaj universitatoj. Ankaŭ la lastaj volonte malfermas siajn pordojn por ĉiuj eksterlandanoj, sed ili havas — ĉu ili nun estas ŝtataj aŭ privataj institutoj — sian certan unuflankan tipon, kiun al ili altrudas ilia ŝtato aŭ popolo. Iliaj profesoroj kiel ankaŭ iliaj studentoj apartenas laŭ la grandega plimulto al unu sola nacio, iliaj konstitucio, organizaĵo kaj instituo havas pro tio pli aŭ malpli malvastan nacian karakteron; iliaj fremdaj lernantoj havas la okazon, konatiĝi nur kun *unu* lando, sed ne kun la *mondo*. Tute alie ĉe internacia universitato, kiu devas kunigi la plej bonajn kaj plej diligentajn spiritojn de la tero. Tie neniu nacio regas, neniu ludas la unuan rolon kaj donas tonon; ĉiuj estas samrajtaj. Malgraŭ tiuj diversecoj la universitato formas nur unu grandan korporacion; ĝi mem prilaboras sian konstitucion, sian organizon, siajn leĝojn sur pure demokratia bazo kaj laŭ demokratiaj principoj. La ŝtato, kiu havas la honoron havi tiun ĉi institucion en sia lando, devas promesi, ke ĝi neniam sin enmiksos en ties aferojn. La subtenajn elspezojn pagos ĉiuj ŝtatoj, certe ankaŭ ne mankos milionuloj, kiuj, plenaj de varma entuziasmo por la granda afero, donos sian materialan subtenon, speciale ankaŭ por la tempo de ĝia fondo. Ke mankos ĉe tiu ĉi fondo la necesaj monrimedoj, estas mia plej malgranda zorgo. Sed ĉiu mono, kiu kunfluas, devas servi nur por idealaj celoj. Tro grandaj salajroj, troa lukso devas esti evitataj; simpleco de la vivo estu tie regulo; ĉiu el la ĉi tie laborantaj profesoroj donu siajn fortojn nur kun la plej pura intenco, kun la deziro profundigi, vastigi kaj komuniki sian propran esplorkampon kaj feliĉigi la mondon. Ambicio ne devas esti enlasata, titoloj, ordenoj kaj altigoj al nobeleco restu for. Dio gardu tian universitaton de la „protekto" de iu tera majesto kaj de la prizorgo de ŝtata oficistaro. La solaj premioj, kiujn donas la instituto mem, estu akademiaj gradoj kiel signo de scienca instruiteco kaj scienca merito.

La akcentitaj diferencoj inter internacia kaj la ĝisnunaj universitatoj, ankaŭ klarigas, ke estus eraro, internaciigi iun el la ekzistantaj universitatoj, ĉar ĉiuj profesoroj de la universitato devus esti prenataj en la novan institucion, kaj tiel la malnova universitato altrudus sian superon. Ne, ĝi nepre devas esti nova fondaĵo. La antaŭlaboroj por ĝi prezentiĝas de si mem. Viroj kaj virinoj el ĉiuj kulturaj ŝtatoj, kiuj posedas varman koron por la granda tasko, devas rilatiĝi persone, kunveni kaj interkonsiliĝi. Pri la loko de la fondo ne estas nun oportune paroli; mi ĵus pripensas, ke, kiel mi legis antaŭ unu jaro, mortinta dana milionulo postlasis grandan sumon por la fondo de dua *dana* universitato. Ĉi tie eble oni povus komenci, kaj konforme al tio ŝanĝi kaj vastigi la planon. Danujo certe estus konvena tero.

Sed por kiu ajn lando oni decidos — ke ĝi devas esti Eŭropa, ŝajnas nepre necese. Se ie estas vere necesa ideala prospero, tia estas en la dezertigita kaj detruita Eŭropo; se ie estas kiel morala kaj ekonomia postulo la paciĝo de la disŝiritaj popoloj, tio estas en la malfeliĉa kaj malriĉigita Eŭropo — kaj kiu volus kontesti, ke instituto, kiel ĝi estas koncize priskribita ĉi tie, povas kaj devas esti granda rimedo por sanigi kaj forigi ĉiujn tiujn profundajn vundojn kaj difektojn? Ĉu estos necese, ankoraŭ atentigi, kian grandan signifon por la spirita kaj morala kulturo, sekve ankaŭ por la paca ordo, devas posedi internacia universitato?

Oni imagu, ke estas efektivigita tia instruejo, kiu superas kun sia interna valoro kaj ekstera amplekso ĉiujn aliajn ĝisnunajn — kian pezon devas havi la vortoj, kiuj estos parolataj de tiu ĉi instanco, la plej alta, kiun povas krei homa forto. Ĉi tie, kie kunfluas la plej eminentaj spiritaj fortoj de ĉiuj landoj de la terglobo kaj kuniĝas por komuna laboro, ĉi tie estas kompreneble, ke la milito kaj la armado estos kondamnataj kiel barbaraĵo. Kio estos ĉi tie anoncita, por krei saĝan politikon, kiu fondas la interŝtatan rilaton sur prudento kaj moralo, tio certe ne povas esti ne aŭdata kaj malŝatata. Ĉi tie, dum jaroj kuniĝos nekalkuleblaj, junaj kaj entuziasmokapablaj fortoj, apartenantaj al ĉiuj ŝtatoj de tero, fortoj, kiuj reciproke konatiĝos kaj sin estimos, kiuj kolektos grandvalorajn spertojn kaj sciojn, por riĉigi kaj feliĉigi siajn popolojn post la reveno en la patrujo — ĉi tie ankaŭ estos loko, kie povos esti teorie ĝuste solvataj la malfacilaj problemoj de la internacia popola vivo, tiel ke ili ankaŭ praktike realiĝu.

Mi volis nun nenion pli ol doni instigon. Aliaj eminentaj viroj kaj virinoj, kiuj povas influi, prenu la ideon kaj kunlaboru por ĝia realigo. Kiel ĉiuj grandaj, idealaj taskoj ankaŭ tiun ĉi povas kompreni nur la entuziasmo, prilabori ĝin la entuziasmo kaj la entuziasmo ĝin fini. Kompreneble unuavice mi turnas min al la reprezentantoj de la scienco kaj arto kun la serioza peto, fortigi mian alvokon kun la potenco de sia vorto, fari pluajn alvokojn kaj entrepreni ĉiujn paŝojn, kiuj povas vivigi la grandan aferon. Sed ankaŭ ĉiu alia, kiu havas varman koron por ĉio granda, bela kaj humana, partoprenu ĉe verko, kiu donos pli altan celon kaj pli grandan enhavon al lia vivo.

*D-ro Max Friedrichs.*

Tra.[1]: *Marg. Iv. Kr-off.*

[1] El „*Die Friedens-Warte*" (Zürich).

 SOCIA VIVO 

## La Bahaismo

II.

La Bahaismo ne estas metafizika doktrino. Ĝi ĝustadire havas nek pastrojn, nek dogmojn. Ĉiu havas la devon, uzi sian naturan prudenton kaj sian racion. Kvankam kiel eble plej simpla, la teoria elemento de la religio tamen ekzistas. Almenaŭ Baha-Ullah, kiel ĉiu pensanta homo, havas certajn ĝeneralajn ideojn, kiuj povas esti konsiderataj kiel la kredo de la Bahaismo.

Grandan rolon en liaj konceptoj ludas la ideo pri profeteco, kiu jam havis tiel gravan signifon en Izraelo kaj Islamo. Sed Baha-Ullah havas pri la profeto pli larĝan kaj pli liberan komprenon. La profeto, tio estas la inspirita saĝulo, ne estas montrata al la popoloj per materiaj signoj videblaj de ĉiuj. Kontraŭe la profeto estas protestulo kaj renovigulo; per tio li fatale altiras al si la malamon de la homoj, ĉe kiuj regas la pasio kaj la rutino. Laŭ kvazaŭa leĝo la malamikoj de la profeto estis kaj estas la pastroj, kiuj pri la religio konservas nur la literon, ne la spiriton. Neniu inter la Eŭropaj liberpensuloj tiel severe kritikis la pastraron kiel tiu Azia profeto: „Ho ve! la malklero de la homoj estas tia, ke ili akceptis la volon kaj deziron de la pastroj, kaj deturnis sin de la volo kaj deziro de Dio . . . Kiam la lumo de la steloj malaperas, leviĝas la suno; kiam la Suno de la Realaĵo aperas, malfortiĝas la lumoj de la doktoroj kaj pastroj . . ."

La ideoj de Baha-Ullah pri Dio memorigas pri la panteismo kaj la Leibnitz'a monadismo: Dio ĉeestas en „ĉiu atomo". Sed ekzistas gradoj de dieco. La homo estas la

plej dia estaĵo; kiam la homo trameditas sin, li renkontas Dion kaj identiĝas kun Li. La profetoj estas homoj, kiuj trameditis sin.

La mirindaĵoj, pri kiuj parolas la Sanktaj Libroj, ne apartenas al legenda estinteco aŭ al nefiksita estonteco. La mirindo estas en la homa animo, nuntempe kiel ĉiam. Tiel same la „reviviĝo", pri kiu parolas la Sanktaj Skriboj okazas nek je la fino de l' mondo, nek je la fino de nia surtera vivo. Ĝi estas esence interna afero; la senmorteco estas nia denuna partopreno en la esenco de la eterno. La reviviĝo estas la superrego de nia anima naturo kaj la forrezigno je niaj malsuperaj pasioj.

Estas rimarkinde, ke la ideoj pri la religio oponata al la religioj, kaj pri la rolo de la profetoj oponataj al la pastroj, rememorigas la pensojn de Victor Hugo (precipe en lia libro „Dio"). La kompreno de Baha-Ullah pri la senmorteco kaj la „reviviĝo" estas analoga al tiu de Tolstoj. Tio montras, ke la Bahaismo respondas al nuntempa evoluo.

Cetere ni bone komprenos la plenan signifon de la Bahaismo nur se ni pritraktas la praktikan Bahaismon. La esenco de la religio ne estas la metafiziko, sed la moralo.

Tiun moralon regas la leĝo de la amo, kiun instruis Jesuo kaj ĉiuj profetoj. Sed en la praktiko tiu leĝo povas esti tre diverse interpretata. La interpretado de Baha-Ullah estas certe unu el la plej larĝaj kaj puraj, per kiuj povas kontentiĝi la moderna konscienco.

La leĝo de amo ne sole estas instruo, kiu devas regi la individua vivon; ĝi estas esence socia, kaj devas regi la socian vivon en ĝia tuta disvolviĝo.

Baha-Ullah, sekve de tiu leĝo, severe juĝas la ideon pri la moderna patriotismo. La amo al la hejma tero estas justa, sed ĝi ne devas esti ekskluziva. La homo amu sian landon pli ol sian hejmon (tia estas la dogmo de ĉiu patrioto), sed Baha-Ullah aldonas: li amu la Dian mondon pli ol sian landon. La patriotismo do aperas kiel meza etapo sur la vojo al sinofero, ĝi estas nekompleta kaj hibrida religio, kiu devas esti superata. Baha-Ullah ĉiam substrekis kiel unu el la plej gravaj celadoj la idealon pri monda paco. Sed li opiniis, ke estas absurde malpermesi al la nacioj uzi armilojn, se tion oni en aliaj cirkonstancoj permesas al homgrupoj. Dum Mahometo kaj eĉ Bab permesis la armitan bataladon por la defendo de l' kredo, Baha-Ullah diris al siaj disĉiploj: „Estas pli bone, ke vi estu mortigatoj ol mortigantoj." Al la persekutoj la Bahaanoj ne rezistis perforte. Dank' al tiu sintenado finiĝis la religiaj militoj, kiuj ensangigis Persujon ĝis 1852, kaj la materia disvolviĝo de la Bahaismo prosperis.

Tamen Baha-Ullah, pro sia pli fleksebla kaj malpli logika spirito de orientulo, ne eltiris el la principo de nerezisto la samajn ekstremajn konsekvencojn kiel Tolstoj. Efektive, se oni severe akceptas tiun principon, la rolo de la registaroj ne plu ekzistas, ĉar ĉia registaro bezonuzas la forton. La socia doktrino de Baha-Ullah havas nenion revolucian; li ordonas la respekton de la leĝoj kaj la konservon de la individua propraĵo. Li eĉ estas leĝodonanto. Kiel tiom da aliaj mistikuloj, de Mozeo ĝis Ignacio de Loyola, Baha-Ullah estas samtempe praktikulo kaj organizanto. Li difinas la kompetentecon de konsilantaro, Beitu'l-Adl, kiu zorgas pri la ordo en la civito de la Bahaanoj. Tiu konsilantaro cetere havas pli pedagogian ol politikan rolon. Antaŭ ol kuraci la malbonajn sociajn efikojn, oni devas antaŭforigi iliajn kaŭzojn. La registaro havas la nepran devon zorge kontroli la edukadon (ne sole la instruadon) de la infanoj: „Ĉiu patro eduku sian filon aŭ sian filinon (tiu emancipo de la virino estas notinda novaĵo en Islamo) pri scienco, literaturo kaj ĉio ordonita en la Skribo; se iu malzorgas tion, tiam la reprezentantoj de Beitu'l-Adl prenu de li, se li estas riĉa, la sumon necesan por tiu edukado, kaj pagu ĝin, se li estas malriĉa".

Al la Beitu'l-Adl ankaŭ apartenas la tasko, prepari la mondan pacon per la organizado de arbitraciaj juĝantaroj kaj per agado ĉe la registaroj. Baha-Ullah konstante insistis pri tio: „Ke ĉiuj nacioj unuiĝu en la kredo kaj ĉiuj homoj fratiĝu, por ke pli firmaj estu la ligiloj de reciproka amo inter la homidoj . . . La senfruktaj bataloj, la ruinigaj militoj ĉesos, kaj venos la Paco!" Tiel li ankoraŭ parolis en 1890 du jarojn antaŭ sia morto.

La Esperantistoj scias, ke je la paca vidpunkto altan gravecon aljuĝis Baha-Ullah je la demando pri helpa lingvo, kiun li same kiel Zamenhof konsideris kiel necesan ilon por la unuiĝo de la popoloj. Lia filo kaj posteulo Abdul-Baha rekomendis al siaj adeptoj la lernadon kaj disvastigadon de Esperanto.[1]

La Bahaismo aperas kiel doktrino de sana kaj ĝoja vivo. Ĝi principe kondamnas la asketismon kaj la memsuferigon. Ĝi ordonas, ke ni uzu nian prudenton, iam katenitan de la dogmo, kaj disvolvu ĉiujn energiojn, kiujn al ni donis la naturo. Ni ne devas malŝati la materion, kiu estas alia aspekto de l' spirito, sed, kiel jam dirite, ekzistas gradoj de dieco. Ĉio en la naturo ne estas egale bona. Por bone vivi oni ne devas senbridigi ĉiujn instinktojn; oni regu kaj kunordigu ilin, kaj uzu nian agemon por la celoj, kiujn la naturo rivelis al ni kiel superaj.

* * *

Tia estas la nova voĉo el Azio, kaj la matenruĝo, kiu aperis ĉe l' oriento de l' mondo. Ĝi meritas, ke ni atentu ĝin kaj ne konsideru ĝin kun malŝatema supereco. La doktrino de Baha-Ullah certe ne estas io definitiva kaj ne prezentas sin kiel tia. Ĉio en ĝi eble ne estas akceptebla de Eŭropanoj, ĉar la moderna scienco donis al ni penspostulojn, je kiuj ni ne povas rezigni. Sed se la parolo de Baha-Ullah ne tute kontentigas ĉiujn tiujn postulojn, ĝi ne kontraŭdiras ilin. Por fariĝi la plena nutraĵo de niaj animoj, ĝi bezonus esti kompletigata kaj retrameditata de aliaj Eŭropaj altaj konsciencoj. Kia ĝi estas, ĝi tamen povas montri al ni en la horoj de l' nuna konfuziĝo vojon de paciĝo kaj rekuraĝiĝo. Ĝi redonas al ni konfidon pri la spiritaj destinoj de l' homo, ĉar ĝi rivelas, ĝis kia grado la homara konscienco estas laboranta; ĝi eksentigas al ni, ke la grandaj nunaj okazantaĵoj eble ne estas tiuj, pri kiuj ni pensas kaj bruas.

Laŭ *Ch. Baudoin.*

Trad.: *A. R.*

## La nacieco de la edziniĝinta virino

La Eŭropa milito rejunigas ĉiujn problemojn. Aparte en la jura fako, malnovaj lernejaj demandoj subite rediskutiĝas kaj sin trudas al la atento sub interesa kaj nova aspekto. Tia estas inter aliaj la demando pri la nacieco de la edziniĝinta virino.

Antaŭ la milito kaj ĝis nun, la pli multaj Eŭropaj leĝaroj alprenis preskaŭ similajn regulojn pri la nacieco de la virino. Tiu ĉi, je la edziniĝo, plenrajte akiras la naciecon

[1] Unu el la verkoj de Baha-Ullah *„Kaŝitaj Vortoj"* estis tradukita en Esperanton el la persa lingvo. (Eldonis British Esperanto-Association.) En Persujo Esperantaj kursoj estas aranĝitaj en Bahaanaj rondoj.

de sia edzo, sen la bezono klopodi por formala regnaniĝo. Aliparte ŝi per tio perdas la naciecon de siaj gepatroj kaj povas ĝin reakiri nur post dissolvo de la edziĝo kaj speciala peto.

Tre malmultaj estas la landoj, kiuj ne akceptis la devigan regnaniĝon de la virino. Oni citas Aŭstralion, kie la virino estas libera konservi la antaŭan naciecon, Marokon, kie la nemahometana virino konservas la francan naciecon malgraŭ la edziniĝo, la Respublikon de Ekvatoro, kie la virino perdas la Ekvatoran naciecon nur se ŝi forlasas la landon.

Oni antaŭ la milito apenaŭ rimarkis tiujn regulojn. Oni opiniis, ke la nacieco de la virino ne estas io grava, ĉar ŝi ne militservas. Kun la milito, kiu subite fosis abismojn inter la popoloj kaj efikigis ĝis tiam ne konatajn premdecidojn kontraŭ la civilpersonoj, la demando pri nacieco fariĝis ekstreme grava. La nuna juro estis tiam severe kritikata en la feministaj rondoj. Oni unue ĝin riproĉas pro ĝiaj malĝojaj praktikaj konsekvencoj, poste pro tio, ke ĝi atencas la liberecon de la virino.

La praktikaj konsekvencoj estas konataj. Sekve de sia alinacianiĝo, virinoj origine francaj, edziniĝintaj kun germanoj loĝantaj en Francujo, troviĝis germaninoj je la militdeklaro. Ili estis internigataj, poste evakuataj al Germanujo, kiun ili tute ne konis, kaj kie ili ne povis senti sin bone. La saman inversan fenomenon citas la feminista germana gazeto „Die Frauenbewegung“: virinoj origine germanaj, edziniĝintaj al francoj aŭ al angloj loĝantaj en Germanujo, estis internigataj en Germanujo kaj en tia situacio travivis malĝojajn tagojn.

Rilate al la principo mem, oni dum la milito povis konstati, ke multaj virinoj edziniĝintaj kun fremduloj spertis, kiel potence ili restas alligitaj al sia malnova patrolando kaj ili kiel perfortan agon konsideris la fakton, ke oni al ili trudis la naciecon de l' edzo. Kial la virino ne havus la rajton konservi je la momento de l' edziĝo sian malnovan naciecon, same kiel ŝi rajtas aparteni al alia religio ol sia edzo?

La feministinoj tendencas proponi aŭ ke la virino konservu sian antaŭan naciecon aŭ ke, edziniĝante, ŝi povu elekti inter la origina nacieco kaj la edza nacieco, aŭ ke ŝi samtempe konservu ambaŭ naciecojn.

Kion pensi pri tiuj kritikoj kaj proponoj?

Entute ili estas simpatiaj kaj salutindaj, ĉar ili penas forigi, okaze de estontaj militoj, la malfeliĉan situacion de multaj virinoj kaj aliparte celas sekurigi al la duono de la homaro pli grandan liberecon. Tamen, kiel ni poste montros, ili ne sufiĉe atentas aliajn militfaktojn, aliajn virinajn sentojn kaj precipe certajn gravajn familiajn necesajojn.

La situacio de la internigitaj kaj evakuitaj virinoj estas ja malĝoja, kaj estas tre bedaŭrinde, ke la militantaj ŝtatoj, dezirante rapide amasenfermi kiel ŝafojn la civilpersonojn de la malamikaj landoj, ne povis elekti inter ili kaj lasi ian liberecon al la virinoj devenintaj de la propra lando. Sed oni ne imagu, ke la inversa leĝa situacio estus doninta pli favoran rezulton. Efektive, se la virino konservus sian antaŭan naciecon, la francinoj, kiuj edziniĝis kun germanoj loĝantaj en Germanujo kaj la germaninoj, kiuj edziniĝis kun francoj loĝantaj en Francujo, estus internigitaj kaj evakuitaj anstataŭ la virinoj, pri kiuj ni jus aludis. Sub la nuna juro, ili ne estis maltrankviligataj; ili povis hejme resti, plue edukadi siajn infanojn, flegi la edzon, se tiu ĉi hejmenrevenis malsana aŭ kripla.

Aliaj praktikaj konsekvencoj tiel bedaŭrindaj estus do okazintaj, eble eĉ pli bedaŭrindaj, ĉar dum, laŭ la nuna sistemo, la virinoj estis evakuataj ekster la lando, kie nek la edzo, nek la infanoj povis resti, laŭ la alia solvo ili estus evakuitaj el la lando mem, kie troviĝas ilia hejmo. Estas do pli normale elpeli edzinon al la lando, por kiu batalas ŝia edzo, ol elpeli ŝin el la lando, kiun la edzo defendas.[1]

Kia ajn estas la leĝa solvo de la problemo pri nacieco de la edziniĝinta virino, oni ne povas malhelpi, ke la virino, kiu edziniĝas kun fremdulo troviĝas en kruela situacio, se milito okazas inter ŝia nova kaj ŝia malnova patrolando. La dramon kaŭzas ne la leĝo, sed la milito.

Rilate al la principo, la ideo lasi al la virino ŝian malnovan naciecon por respekti ŝiajn sentojn kaj ŝian liberecon estas valora, sed kredi, ke lasante al la virino ŝian originan naciecon oni nepre favoras ŝin, montras nesufiĉan superrigardon de la problemo. La virino ja ofte aliĝas al la nacia idealo de sia edzo, kaj ni ĉiuj konas multajn virinojn, kies koro pli fervore batas por sia nova patrolando, ol por la malnova. En tiu rilato la juro estas psikologie prava, instigante la virinon aliĝi al la idealo de la nova hejmolando pli ol al tiu de la malnova. Ĉiu edziniĝanta virino heredricevas el sia familio kaj el la edukiteco certajn tradiciojn, kutimojn, ideojn. Por fondi novan socian ĉelon, sian propran hejmon, la pli mallarĝan familion konsistantan el la edzo, el ŝi mem kaj el la infanoj, ŝi devas rigardi al la estonto, forlasi parton de tiu tradicia heredaĵo kaj, kun sia edzo, elkrei novan idealon. Se ŝi estas fremda, la tradicia heredaĵo estas ankoraŭ pli peza; tro konservema virino, kiu neniel penos kompreni la nacian idealon de sia edzo kaj de siaj estontaj infanoj, riskas malfeliĉigi la hejmulojn. Prava estas la juro, preferante la virinon, kiu rigardante al la estonto, ĝojas, ke ŝi povas en la nova hejmo ne esti fremdulino, sed la samlandanino de la edzo kaj de la infanoj. Kvankam ŝi konservos en la koro pian rememoron pri la prapatroj, ŝi tiel pli efike laboros al la formado de la nova familio kaj al ties unueco.

En multaj rilatoj estas necese meti kontraŭ la sociala principo de la plej granda libereco de l' geedzoj la alian socialan principon de la familia unueco. Kvankam oni ne devas trouzi tiun principon, kiel oni faris dum tiom da jarcentoj, por subpremi la virinon aŭ ĝin senigi el ŝiaj bienoj, oni, ŝajnas al ni, povas ĝin juste akcepti en la demando pri la nacieco.

La familio, en kiu la edzo kaj la edzino apartenus al malsamaj naciecoj estus unue tre ĝenata el la administra kaj leĝa vidpunkto. Ĉu oni vidas tian familion, en kiu la sinjoro estas regnano rajtanta establiĝi en la tuta lando dum la sinjorino estas fremdulino kaj bezonas permeson por restadi? Ĉu oni vidas tian hejmon, kie ĉiu afero inter la edzoj naskas problemon de privata internacia juro, konfliktojn pri kompetenteco aŭ leĝo? Ĉu oni vidas la situacion de la aliaj personoj kontraŭ tiaj familioj, ĉe kiuj du malsamaj leĝoj regus la geedzojn, kaj ĉiujn insidojn, kiujn tia stato ebligus kontraŭ la kreditoroj de la geedzoj? Multaj virinoj havus, tiam pli ol nuntempe, la nekonscian senton, ke ili estas en ne klara situacio, ĉar ili restas hejme „fremdulino“. Tia sento eble ne instigus ilin klopodi por regnaniĝo, sed ĝi konstante suferigus ilin.

Ni do kredas, ke, konsiderante la familian unuecon kaj ĉiujn moralajn ĝenojn rezulteblajn el la diversnacieco de la geedzoj, oni devas, almenaŭ nuntempe kaj kun la nunaj moroj, ne akcepti la allogan solvon lasi al la virino la liberecon aliĝi aŭ ne aliĝi al la edza nacieco. Ŝajnas, ke la leĝo estas prava solvante mem la demandon pri la nacieco en la hejmo, por eviti la konstantan senton de ĝeno kaj malcerteco, kiun kreus la libera elekto.

[1] Tiuj konstatoj povus sugesti la ideon, ke la virino devas akiri la naciecon de l' edzo kiam tiu ĉi loĝas en la propra patrolando kaj, kontraŭe, konservas sian naciecon se ŝi edziniĝas en sia lando. Tamen tiu solvo ankaŭ prezentas maloportunaĵojn: la nacieco ne devas dependi de la hazardo de l' unua enloĝiĝo, kiu estas ofte nedaŭra, kaj kiel la aliaj ĝi malutilas al la principo de la familia unueco, pri kiu ni poste parolos.

En la koro de la virino, kiu edziniĝas kun fremdulo, ĉiam estos interna latenta konflikto, kiu milittempe povos fariĝi doloriga kaj tragedia, sed ĉu la nuna juro ne instigas la virinon solvi la konflikton per la decido, kiu estas la plej konforma al la logiko de la vivo?

Ni kompreneble ne pretendas, ke per tiuj kelkaj linioj ni definitive solvis tiun malfacilan problemon. Estas eble, ke je malproksima aŭ proksima tago, la virino, absolute egala je la viro en ĉiuj aferoj de la vivo, ĉesos konsideri kiel devon la aliĝon al la nacia idealo de l' edzo kaj eĉ opinios, ke ŝi, same kiel tiu ĉi, rajtas decidi pri la nacieco de la infanoj. Sed esperebIe tiam la popoloj estos ĉesintaj sin reciproke mortigi kaj la problemo de la nacieco ne plu estos tiel tragedie grava kiel nuntempe.

*Albert Picot.*
Trad.:[1] *A. R.*

---

## Militaj aforismoj

*La milito, necesa malbono*

I. Estas tre danĝere aserti, ke la milito estas necesa malbono kaj, ĝenerale, ke ekzistas necesaj malbonoj. Oni povas entuziasmiĝi tiel multe por siaj ideoj, ke oni baldaŭ kun plezuro jesos tiun ĉi necesan malbonon kaj iom post iom oni forgesas, ke ĝi estas malbono. *Do:* ni diru, ke ne ekzistas necesaj malbonoj.

II. La vorto *necesa* kaŝas elegantan jonglajon, ĉar ĝi enhavas du preskaŭ kontraŭajn sencojn. Unue ĝi signifas tion kio, *eĉ malutila,* ne povas esti malhelpata kaj devas esti elportata. Ĝi signifas ankaŭ la plej altan gradon de la *utila.* Estas nur tro facile pasi de la unua al la dua senco, kaj, per unu alĥemista turno, oni transformis la *malutilan* en *utila.* Necesa malbono fariĝas utila malbono, bona malbono.

*Universala paco*

Oni devas alproksimiĝi al la universala paco efektivigante, kiel jam Kant komprenis, federon de liberaj ŝtatoj (Civitas gentium) kiu enhavus de tago al tago pli da aliĝantoj. Sed oni devas respekti la internan liberecon de ĉiu aliĝanta ŝtato. Tio estas grava. Oni ne devas aspiri al unu sola ŝtato, kiu unuigus la mondon. La unuaj ŝtatoj estas jam tro grandaj, tro unuigitaj, krom se, ekzemple Anglujo, ili respektas skrupule la lokajn tradiciojn kaj liberojn. Efektive neniu registaro povas diri, ke ĝi trovis la idealan civitanecon. Ĉiu registaro devas konsideri sian formon kiel eksperimenton, kiel provon, kiu povas esti malfeliĉa kaj kiun ĝi ne devas altrudi tirane al la mondo. Kontraŭe, oni devas ebligi la plej grandan nombron de diversaj eksperimentoj. Per leĝo de la vivkonkurenco, la plej bonaj formoj, la plej bone adaptitaj ĝeneraliĝos de si mem. Cetere, estas eble, ke la samaj formoj ne estas egale favoraj al ĉiuj popoloj, kaj ke ĉiam ankoraŭ ekzistos certa diverseco. Ŝtato unuiganta la mondon estus la plej terura tiraneco: je tiu ĉi prezo estus pli bone konservi la militon.

*Moluskoj*

La moluskoj sekrecias sian ŝelon kaj plej poste tiu ĉi ŝelo ilin enkarcerigas.

Tiamaniere estas kun niaj agoj, kun niaj kutimoj, kun niaj opinioj, kun niaj paroloj. Tiamaniere estas por unu popolo kun ĝia lingvo, kiu estas la sekrecio, poste la limo de ĝia penso.

*Disvolvo*

Oni pravigas la militon per Kristo, oni pravigas ĝin per Darwin. Tio estas same malsaĝa.

Ĉar la evoluo estas la leĝo de la vivo, la kondiĉoj de nia vivo ne plu estas tiuj de la antropoidaj simioj. Estas kredeble, ke niaj unuaj praavoj pli aŭ malpli vivis en akvo. De tie oni devus konkludi, ĉu ne, ke ni devas droni por vivi? — Sed ni ne plu estas fiŝoj. Same, niaj praavoj vivis en la sango kiel la fiŝoj en la akvo. La lukto por la vivo *estis* kondiĉo por la estinta disvolvo; la interkonsento por la vivo *estas* la estonta kondiĉo.

*Registaroj*

I. Hieraŭ mi renkontis veturilon de balaajoj. Sur la pinto de tiu ĉi barelego plenigita de koto, tronsidis la kondukanto kaj rigardis la pasantojn de la alto de sia malestimo. Lia rigardo estis tiel komike fiera, ke mi ne povis ne ridi interne kaj eĉ rideti ekstere. Samtempe mi diris al mi, ke mi havis tie la bildon de registaro, de la „ŝtata veturilo", mankis nur la homoj, kiuj sin ĵetas sub la radojn, adorante tion, kio trairas ilian korpon kaj ilin detruas. Se ili scius, kio estas interne, ili ŝtopus sian nazon.

II. Ĉiu popolo havas siajn mankojn, kaj la registaroj estas la grandigantaj speguloj ne de la animo de l' popoloj sed de iliaj mankoj: Registaro supozas vantecon, kaj vanteco esceptas profundecon de l' animo. Ĉiuj popoloj valoras pli ol siaj registaroj, kiuj estas iliaj karikaturoj. Kaj unu el la kaŭzoj, kiuj helpas kruelîgi la malamon inter la popoloj, estas, ke ĉiu el ili juĝas la aliajn laŭ tiu ĉi karikaturo.

III. Kial la popoloj sin juĝas laŭ siaj registaroj? Ĉar ili kredas, ke la registaro estas ĉi tie la necesa afero. La gazetaro subtenas tiun ĉi superstiĉon, ĝi estas la granda kulpulo. La homoj kaj la okazajoj havas en la spirito de la popoloj la gravecon, kiun al ili donas la gazetaro. Nu, la gazetaro faras bruon de sovaĝuloj pri la faroj kaj gestoj de la ŝtataj ĉefoj, pri iliaj vizitoj, pri iliaj festenoj, pri iliaj malbondigestoj kaj pri iliaj tagnoktaj verkoj, kiujn ili prezentas ĉe la deserto, levante la glason da ĉampano, kaj kiuj ĝenerale estas malpli interesaj ol tiuj de la ebriaj laboristoj ĉirkaŭ la tablo de kabareto (tie almenaŭ estas vivo). Se la gazetaro konspirus silenton pri la tuta „politiko" kaj se ĝi okupus la publikon pri aferoj de arto, de filozofio, de poezio kaj de scienco, — la popolo fidante ĉion admirus, kiel ĝi fidante admiras la registaron, kiel en la mezepoko ĝi admiris fidante la sanktulojn, la pastrojn kaj la monaĥojn. Ĝi admirus nekomprenante, eble, — ne pli ol ĝi komprenas iometon de la politiko, sed ĉu tio ne pli multe valorus? Nur, ekzistas la kaŝitaj flankoj kaj butikoj. Kaj la elektantoj. Kaj la gazetaro devas esti subtenata: la papero estas kara.

*Charles Baudoin.*
Trad.: *M. K.*

---

[1] El revuo „Wissen und Leben", Zürich.

# La kuracistoj-specialistoj

Rakonto de **Tristan Bernard**

Tristan Bernard estas unu el la plej famaj nuntempaj humorverkistoj francaj. Li verkis multajn sukcesajn teatrajojn, el kiuj unu el ili estis tradukita en nian lingvon sub la titolo „*La angla lingvo sen profesoro*". Tristan Bernard estas tute simpatia al nia movado. Oni intencis prezenti unu el liaj teatrajoj ĉe la Pariza Kongreso.

La moko neniam senarmiĝos antaŭ la medicino — kaj tamen, ni povas ĝin diri, la kuracistoj neniam estis tiel seriozaj kaj tiel lertaj kiel hodiaŭ.

Sed oni ne obeas iliajn ordonojn. Oni vizitas ilin kiel savontojn kaj se oni ne estas resanigita post ok tagoj, oni ĉesas obei al iliaj receptoj. Tiam oni diras: „Tiu nenion faris al mi . . ."

Tio okazas, ĉar vi ne aŭskultis lin. Se vi estus lin aŭskultinta, li vin estus resaniginta. Sed por tio vi devas obei lin dum kvar, ok monatoj, la necesa tempo.

Vi konas Simeon . . . Estas tiu granda barba knabego, kun redingoto. Jes . . . Vi ja konas lin. Simeon venis vidi min antaŭ kvar jaroj. Li sciis, ke mi ĉiam rilatis kun la eminentuloj de la Pariza kuracistaro. Simeon pezis tiam ducent-sesdek funtojn. Li volis malgrasiĝi . . . Mi montras al li la adreson de doktoro Belarthur, strato Lafayette . . . Li iras tien . . . Belarthur ekzamenas lin . . . kaj lin submetas al reĝimo, kiu estis jam doninta belegajn rezultatojn, nome la ekzercojn de longa marŝado. Du horojn matene, du horojn vespere. Post ses semajnoj Simeo malgrasiĝis je dudek-kvin funtoj.

Tiam estis trovite, ke liaj maleoloj estas iom malfortaj por la maso de lia korpo. Li ne povis plu marŝi. Liaj piedoj estis tute ŝvelintaj. Li venis vidi min. Mi konsilas tiam al li doktoron Schitzmer, el aŭstria deveno, kiu kuracas la malsanojn de tiu speco per piedbanoj en la koto, tio estas en malsekigita argilo. Simeon sekvas trimonatan kuracon, kaj post tri monatoj liaj piedoj estis tute resanigitaj. „Ah!" li diris al mi tiam, „kiel danka mi estas al vi! Kian senŝarĝiĝon mi sentas, ne havante plu tiujn dolorojn ĉe la maleoloj. Mi estus tre feliĉa, se mi ne havus tiujn gorĝdolorojn!"

Vere mi devas diri al vi, ke devante trempi tiel la piedojn en la malseka tero, li malsaniĝis je la laringo, kiu lin multe suferigis . . . Sed, por kuraci tion, nenio pli facila. Mi rapidis konsili al li doktoron Cholamel. Cholamel rimarkis, ke multaj gorĝdoloroj estis ŝuldataj al malbona cirkulado de l' sango en la trafieo. Li revivigas tiun organon per elektrokuracado. Simeon sekvis tiun kuracon kaj tio okazis dum kelkaj monatoj apenaŭ. Lia gorĝdoloro tute malaperis.

Malfeliĉe Simeon apartenas al familio de nervuloj; li suferas de speciala nervemo, kiu estas treege incitata per la elektro. Lin kaptis tre gravaj krizoj. Ĉiutage li tri aŭ kvar fojojn ŝvenis . . . Mi diris al li: „Mia kara, oni ne devas resti tiel. Iru vidi doktoron Langlevent kaj demandu lin pri via stato. Li elkuracos al vi tion per unu manturno". Langlevent prenigis al li bromuron. La bromuro estas efikega en la nervmalsanoj, se oni prenas ĝin konforme al la receptoj de la kuracisto. Nek tro, nek maltro. Simeon konformiĝas skrupule al la ordono de l' doktoro. Kaj post tre mallonga tempo — ses monatoj — la nervaj akcidentoj malaperis. Mia amiko reprenis sian normalan vivon.

Sed li havis iom ĉagrenan humoron, kiel ĉiuj personoj, kiujn suferigas la stomako. La bromuro, kompreneble, ne estis konsilinda por la stomako . . . Kiam oni suferas pro stomako, oni ne devas heziti. Oni iras vidi profesoron Biridoff. Li resanigas vin en unu sezono. Mi sendis Simeon al la profesoro, kiu lin ekzamenis kaj lin submetis al reĝimo de farunaĵoj. Tre malmulte da viando, malmulte da vino, akvon kaj kaĉojn de fazeolo, kaĉojn de terpomoj, kaĉojn de rizo: Simeon resaniĝis en malmulte da tempo.

Li pro tio estis tre feliĉa. Mi renkontis lin hejme, sur la ŝtuparo, venantan por danki al mi. Li suferis iom . . . ĉar li estis tre grasa. Kompreneble, nur farunaĵoj! . . . Li ne pezis pli ol 322 funtoj . . . Tio estis tro . . . „Oni devas atenti tion", mi diris al li, „kaj malhelpi . . ." — „Sed", li respondis al mi, „se mi rekomencas malgrasiĝi, oni ree marŝigos min, miaj maleoloj ŝvelos denove, k. t. p., k. t. p." — „Ne koncernas marŝon", mi diris al li. „Estas aliaj rimedoj por malgrasiĝi. Mi iros tuj kun vi ĉe alian el miaj amikoj, doktoro Lerenchéry."

Lerenchéry konsilas precipe la rajdarton, sed ne la hazardan rajdarton. Ne sufiĉas preni ĉevalaĉon el maneĝo kaj fari malgrandan ĉirkaŭiron en arbaro. Lerenchéry faris dekdupaĝan programon, kiu montras la horojn de eliro, la nombron kaj la daŭron de l' trottempoj, de l' galoptempoj . . . Simeon elektis ĉevalon tre fortan, tre viglan kaj komencis siajn ekzercojn.

Nu, li komencis antaŭ tri tagoj kaj lia pezo jam malgrandiĝis je tridek-ses kilogramoj. Tio estas rezultato!

Mi devas diri al vi, ke li falis de l' ĉevalo ĉe sia unua eliro kaj oni devis tranĉi lian maldekstran piedon, kiu pezis precize tridek-ses kilogramojn.

Jen do homo, kiu ĉiam laŭlitere sekvis lą kuracistajn ordonojn kaj ricevis de la medicino ĉion, kion li postulis de ĝi.

Trad.: *Marg. Iv. Kr-off.*

# La ĉaro de Kronos[1]

de **Karl Spitteler**

La ĉaro Kronosa silente vojiras.
Al kiu direkto? Neniu ĝin diras.
Nebulo kovras la signojn de l' relo,
Neniu gvidanto kondukas al celo.
Ĝi rulas movata de forto supera,
La radojn sekvas nokto mistera.
La tempon senliman ne mezuras la sento.
Kio estas eterno? Kio estas momento?
Senhalta alternas kreado kaj morto,
Kaj de l' estint' forgesiĝas la sorto.
Minutoj haltiĝas, jaroj forkuras,
La mondhorloĝo ne montras la horon,
La vivon dume malĝojo mezuras:
Mallongan feliĉon, longŝajnan doloron.
„Unu jaro", al multaj rapide ĝi pasas,
Neniun gravan memoron ĝi lasas.
Sed kelkaj, alvenintaj sur la ponto
Liganta la estinton al estonto,
Oh, tiuj sentas en la koro,
Ke ne forpasos la doloro,
Ke malfermiĝis en la fundo
Neniam sanigebla vundo.

Trad.: *Ed. St.*

[1] Kronos estas la dio de la tempo.

 ESPERANTISMO 

# Nia agado dum la milito

Estas bedaŭrinda, sed ne kontestebla fakto, ke de post la eksplodo de l' milito multaj ĝis tiam fervoraj Esperantistoj preskaŭ tute ĉesigis sian agadon por nia afero, kvankam ili en sia animo restas al ĝi fidelaj. Kiam oni demandas ilin pri la kaŭzo de tia sindeteno, ili respondas, ke dum la milito nenio ja estas farebla, kaj pli saĝe estas atendi ĝis la pacokonkludo por tiam denove labori kun tiom pli vigla energio. Dume, dank' al la enradikita ideo, ke „dum la milito nenio ja estas farebla", multaj grupoj ĉe kiuj la nomitaj personoj ludis gvidantan rolon, ĉesas kunveni kaj pereas, la nombro de la abonantoj al niaj gazetoj malkreskas — ne sole pro la militkondiĉoj —, la enspezoj de niaj organizaĵoj fariĝas nesufiĉaj, sume nia movado perdas forton kaj influon.

Ke la milito neeviteble devis malfortigi ĝin, forprenante per mobilizo multajn fervorajn samideanojn kaj malfaciligante ĝis alta grado la interpopolajn komunikojn, tion neniu povas nei. Sed ankoraŭ pli ol la materiaj konsekvencoj de la milito, malfortigas ĝin la antaŭjuĝo pri la tiel nomata neebleco de agado dum la milio.

Cetere, estas verŝajne eraro, kredi, ke tuj post la formala subskribo de la pacotraktato, la eksteraj kondiĉoj subite refariĝos tiel favoraj kiel antaŭ la milito. La nuna krizo profunde ŝancelas la moralan, politikan kaj ekonomian fundamentojn de la socia vivo. La popoloj serĉas novajn vojojn. Ilin tedas la malnovaj putriĝintaj sistemoj kaj aranĝoj; ion novan ili aspiras, sed ili ankoraŭ erarvagas en la mallumo kaj ne scias jam elekti. Oni eksentas, ke la mondo estas graveda je nova ordo, sed kia ĝi estas, neniu povas nun profeti. La militon kredeble sekvos akraj bataloj inter la diversaj tendencoj, kiuj alcelas la reorganizon de l' mondo. Ĝi rekutimigis la homaron je la uzo de la perforto, kaj ĉio lasas supozi, ke tiuj bataloj ne ĉiam fariĝos per pacaj rimedoj. Ĉiuokaze estas tre dube, ĉu nia generacio ree travivos epokon tiel relative trankvilan kiel estis la antaŭmilita periodo.

Se ni do atendas plenan retrankviliĝon de la monda vivo, ni ja riskas atendi tre longe. Pli saĝe estas de nun adaptiĝi al la novaj vivkondiĉoj kaj antaŭvidi, ke dum certa tempo nia agado disvolviĝos en la tumulta atmosfero de batalema epoko.

Tio ne signifas, ke eĉ en tiaj kondiĉoj frukta agado ne estas ebla. Ĝuste la milito montras al ni la malon tie, kie la Esperantistoj havis sufiĉe da saĝo kaj morala forto por ne sin fordoni al la malespero. Dum en tro granda nombro da lokoj la Esperantista vivo dormetas pro la kulpo de la gvidantoj, ekzistas kontraste aliaj, kie nia afero ne sole sukcese eltenas, sed ankaŭ ĝojige progresas. Tiu fenomeno ne estas limigata je unu lando aŭ je unu regiono speciale favorataj de l' sorto. Ĝi ne devenas de pli-malpli bonaj eksteraj kondiĉoj, sed antaŭ ĉio de la agemo kaj energio de la Esperantistaj kondukantoj.

El tiuj ekzemploj ni konstatas, ke, precipe en la lastaj monatoj, la intereso de la publiko por Esperanto ne tiel malvigliĝis, kiel asertas la dormuloj por pravigi sian sindetenon. La milito ne nur suferigas; ĝi ankaŭ lacigas kaj tedas. Multaj homoj aspiras interesiĝi pri io alia, kaj volonte dediĉas tempon al studoj, kiuj deturnas ilian spiriton de la nunaj abomenaĵoj. Aliparte, pli ol iam sin trudas al la atento la problemoj pri la estonta kunvivado de la popoloj, kaj ĉiu el ni scias, kiel grava en tiu rilato estas la signifo de Esperanto. La medio ne estas do tiel malfavora kiel oni kredas. Kie la kutima agado por nia lingvo estis daŭrigata, oni ĝenerale konstatas, ke la kursoj estas ne malpli bone vizitataj ol antaŭe kaj ne pli malfacila la tasko de niaj propagandistoj. Oni ja ne povas propagandi tute laŭ la antaŭmilitaj metodoj, sed oni devas ĝis certa grado adaptiĝi al la cirkonstancoj kaj provi novajn vojojn.

Bonan ekzemplon pri la serĉado de novaj agadkampoj montris niaj britaj samideanoj. Lastan jaron kelkaj el ili, uzante la tiaman intereson de la britaj rondoj pri la postmilitaj komercaj rilatoj, faris eksperimenton pri diverslanda samtempa aranĝo de kursoj por komeroficistoj kun la celo poste interrilatigi la lernintojn por negocaj aferoj. Poste, profitante la reformemajn tendencojn, kiujn rilate al la edukaj problemoj disvolvis la milito, ili vigle klopodis por prova instruado de Esperanto en la lernejoj. La Eccles-eksperimento, atentigante pri la pedagogia valoro de nia lingvo, vekis intereson en novaj rondoj kaj estis komenco de serioza agado inter la junuloj kaj infanoj. Tiaj ekzemploj estas imitindaj ankaŭ en aliaj landoj.

Ne sole rekomenco de vigla propagando estas dezirinda. La personoj, kiuj ne ŝatas aŭ ne povas publike agadi, tamen multmaniere kapablas utili al nia afero. Ĉiu konsentas kaj volonte parolas pri la neceso de vigla postmilita agado. Nu, kiel ajn bonaj estas niaj intencoj, ni baraktos en sennombraj malfacilaĵoj, se ni ne de nun ĝin serioze preparas. El la granda antaŭmilita laboro, kiu ŝajnas jam tiel longe forpasinta, ke ĝi povas esti tute senpartie kaj senpasie studata, ni povas eltiri certajn konkludojn kaj spertojn, kiuj devas esti utiligataj por la estonto. Multaj eraroj estis faritaj, kiuj nepre ne devas ripetiĝi. Nia agado devas esti pli metoda, pli serioza, pli bone organizita. Multo estas detruita de la ventego, sed antaŭ ol pensi pri ties restarigo, ni bone prijuĝu, tiel ke je la taŭga momento ni ne facilanime iru sur la samaj erarvojoj. Ne ĉiuj materialoj estos egale bonaj por la rekonstruado. Prepari la estonton per senpartia rigardo al la estinto estas ankaŭ utila tasko.

Por ke ni povu tiel vigle agadi kiel ni intencas, estas necese, ke ni posedu bonajn armilojn, t. e. trafaj propagandiloj, taŭgaj lernolibroj kaj vortaroj, aro da bonaj verkoj literaturaj kaj teknikaj. Multaj libroj nun estas elĉerpitaj aŭ ne plu haveblaj. Reeldoni ilin nuntempe ne estas facile pro materiaj kaŭzoj, sed uzante la akiritajn spertojn, oni povas prepari novajn eldonojn, tiel ke je la taŭga horo ni povu rapide ilin presigi kaj uzi. La milito ankaŭ tute ne malhelpas la preparadon de sufiĉe kompletaj teknikaj vortaroj, kiuj, pro serio de eraroj ŝuldataj precipe al malbona organizo, ne ankoraŭ ekzistas en nia lingvo. Esperanto estas preta por literatura uzo, kiel brile atestas aro da rimarkindaj tradukverkoj, sed por teknikaj uzoj ĝi ne estas ankoraŭ sufiĉe armita. Unuparte oni nepre devos prepari la necesajn teknikajn vortarojn laŭ unuecaj metodoj; aliparte, ĉar lingvo konsistas ne nur el vortoj, sed el esprimoj kaj parolturnoj, oni devos pli ol antaŭe prilabori ĝin por tradukoj de teknikaj verkoj, komencante per la plej elementaj kaj necesaj. Ni dezirus, ke en la estonto oni traduku malpli da literaturaj verkoj, kaj sin okupu pli multe pri adapto de nia lingvo al teknikaj uzoj. Tio estos pli malfacila kaj malpli agrabla por la tradukontoj, sed ankaŭ pli utila por la pliriĉiĝo de Esperanto. Ĉiuokaze, jen estas grava laboro, kiu nun povus esti preparata.

Samokaze ni bedaŭras, ke niaj lingvaj institucioj tute ĉesis labori kaj kvazaŭ ne plu ekzistas. Ni ja scias, ke la nuna malfacileco de la interŝtataj komunikoj estas grava ĝeno; ĝi tamen ne tute malhelpas internacian laboron, kiel pruvas la ekzemplo de UEA.

La laboro por prepari trafan postmilitan agadon certe ne mankas, sed mankas sufiĉa nombro da laborantoj, ĉar tro multaj en niaj vicoj estas kaptitaj de la ideo, ke ni devas „atendi". Estis permesite tion diri en la unuaj monatoj de la milito, kiam la plimulto pensis, ke ĝi estas nur mallonga provizoraĵo kaj baldaŭ revenos la normala vivo. Ni nun vidas, ne nur ke la milito tute ne estas finita, sed ke senĉese okazas novaj faktoj, tiuj tre dubigas pri ĝia baldaŭa fino kaj pri la posta retrankviliĝo de l' mondo. Anstataŭ atendadi senfine ion, kio eble ne venos antaŭ tre longe, ni elturniĝu kaj agu laŭ la cirkonstancoj, forlasante plej rapide tiun danĝeran militmentalecon, kiu, se ni ne energie reagas, kondukos nian ŝipon al marfundo, de kiu ni ne plu povos ĝin suprentiri.

*H. H.*

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Červený Kostelec:* F-ino J. Šupichová faris paroladon. — *Praha:* La virina grupo kunvenas ĉiumerkrede sub la gvidado de F-ino J. Šupichová, kiu ankaŭ redaktas Esp. rubrikojn en „Malý Čtenář" kaj „Rozkvět". Estas multaj interesuloj pri Esp., ankaŭ inter militistoj. — *Wartberg-Mürztal:* Okazas kurso por lernejaj infanoj kaj alia por oficistoj de la tiea ferproduktejo, ambaŭ gvidataj de S-ro v. Lidl. — *Wien:* Ĉe la januara kunveno de Esp. Unuiĝo, ĉeestis ĉ. 100 personoj. S-ro D-ro E. Sos, Del. UEA, raportis pri la dummilita Esp. literaturo. Estis ankaŭ aliaj interesaj paroladoj kaj deklamoj. Prof. Glück komencis novan elementan kurson.

## Britujo.

*Aberystwith:* S-ro Jack Edwards faris raporton en la Literary Society. — *Bakewell* (Yorks): S-ro E. B. Johnson faris propagandan paroladon, el kiu sekvis pligrandiĝo de la jam starigita kurso. — *Birmingham:* S-ro W. H. Garbutt gvidas kurson ĉe la Universitato. La Esp. Societo progresas kontentige. — *Brighton:* El raporto de la sekretario S-ro Ad. Dorlencourt rezultas, ke la progresoj de la societo estas tre kontentigaj. — *Bristol:* La grupo aranĝis du kursojn, por lernantoj kaj por pli spertaj. Ĝi faris multe da propagando en la pedagogiaj rondoj per la broŝuro pri la Eccles-eksperimento. — *Cowdenbeath* (Fife): Grupo estas fondita dank' al la agado de D-ro J. Boyd Primmer. — *Edinburgh:* Ĉiusemajne okazas ĉe la grupo parolado pri komuninteresa temo. La vendado de la libroj multe pligrandiĝis kompare kun la lasta jaro. Ĉe Tynecastle Supplementary School okazis manifestado por Esp. S-roj J. M. Warden kaj Wm. Harvey paroladis; S-ro W. M. Page faris praktikan lecionon. Kiel rezulto granda kurso estas aranĝita. — *Edgware:* S-ro Bernard Long faris propagandan paroladon. — *Glasgow:* S-ro Cedric F. White faris paroladon, kiun sekvis nova kurso gvidata de S-ro J. A. Ferguson. S-ro D-ro Knight paroladis pri Esp. en la instruado ĉe la ĉambroj de la Reĝa Filozofia Societo. — *Greenock:* Du kursoj estas gvidataj de S-ino Martin kaj de F-ino Aitkin. — *Leeds:* La ĉiujara festo okazis kun bona sukceso. — *Liverpool:* Ĉe la Garden Suburb Cooperative Guild, S-ro J. D. Applebaum faris paroladon, kiu vekis multe da intereso. Kurso sekvos. — *Llanelly:* Pastro W. H. Harris faris paroladon, pri kiu simpatie raportis la Sud-Kimruiaj gazetoj. — *London:* La koncerto kaj festo, aranĝitaj de la nova klubo de Morley College estis granda sukceso. Ĉeestis ĉ. 250 personoj. S-ro Bernard Long faris la propagandan paroladon. S-ro Sergent, el Boulogne-sur-Mer, ĉeestis kaj ankaŭ paroladis. — *Mere* (Wilts): Novan kurson gvidas F-ino E. B. Rutter. — *Merthyr:* Grupo estas fondita sub la prezido de Rev. D. B. Jones. — *Moldgreen* (Huddersfield): S-ro Hearley Sykes gvidas kurson kun 15 anoj. — *Norwich:* Ĉe la kursoj ĉeestas 26 knaboskoltoj kaj 17 pli aĝaj personoj. — *Sheffield:* Novaj kursoj estas starigitaj. En la jurnalo „Sheffield Weekly News", S-ro M. Pearson daŭrigas Esp. rubrikon. — *Watford:* La kursanoj decidis fondi grupon, kies prez. estos S-ro J. Parish. — *Wisbeach:* Interesa Diservo en Esp. okazis en la Preĝejo St. Augustine; ĝin kondukis Pastro A. Stokes, kiu ankaŭ faris la predikon. Sufiĉe multaj interesuloj ĉeestis. — *Woking:* Fondiĝis nova grupo en Leon-Ley Lernejo.

## Danujo.

*Kopenhago:* La Konversacia Esp. Klubo festis la 10an datrevenon de sia fondiĝo. La koncerto estis tre sukcesa; poste estis aranĝata komuna manĝado, dum kiu paroladoj kaj kantoj sekvis unu la alian.

## Germanujo.

*Aue:* S-ro A. Büttner malfermis kurson kun 23 lernantoj. — *Augsburg:* La Esp. Societo aranĝis bone vizititan kaj sukcesan vesperfeston. — *Breslau:* Ĉe la katolika Esp. societo „Unueco", S-ro Mielert komencis novan kurson. — *Dresden:* La societa vivo nuntempe tre vigliĝis. Ĉiudimanĉe okazas posttagmeza kunveno, kiu celas kunigi la diversajn grupojn. La nova hejmo de la societo sidas Hauptstr. 38. Ĉe la lasta kunveno de UEA, S-ro A. Hegewald interese rakontis pri siaj milittravivaĵoj. — *Eisleben:* Kurso estas komencita. — *Essen:* Ĉe la jara ĉefkunveno de la grupo, la ĝisnuna estraro estis reelektata per aklamo. — *Hannover:* Oni decidis komenci kurson. — *Leipzig:* La Saksa Esp.-Instituto (Johannisplatz 3) vigle laboras, dissendante presaĵojn, respondante demandojn, k. t. p. Dufoje en la pasinta jaro okazis instruistaj ekzamenoj. — *Lössnitz i. Erzgeb.:* Fondiĝis filio de la Esp. Unuiĝo Dresden sub la gvidado de S-ro A. Büttner. — *Schweidnitz:* La grupo festis la naskiĝtagon de D-ro Zamenhof. Vintran kurson gvidas S-ro Stabler.

## Hispanujo.

*Sabadell:* La grupo „Aplech" aranĝis funebran feston honore al D-ro Zamenhof, en kiu partoprenis la urbestraro kaj la kulturaj, komercaj kaj politikaj societoj de l' urbo. Matene okazis granda manifestado ĉe la strato „D-ro Zamenhof" por meti florbukedon sur la marmora ŝtono; la urbmuzikistaro ludis „La Espero"; poste la urbestro, S-ro J. Grau, dir. de „Kataluna Esperantisto", kaj S-ro Vilardell, prez. de „Aplech" faris paroladojn. Posttagmeze okazis kunveno ĉe la urbodomo, kun paroladoj kaj deklamoj. La vintraj kursoj estas regule vizitataj. Por 1918 la societo „Aplech" ricevis de la urbestraro monhelpon da 350 pesetoj.

## Nederlando.

*Arnhem:* S-ro Froweijn parolis antaŭ membroj de la unuiĝo de komercoficistoj; kelkaj decidis formi klubon por studi la lingvon. — *Hago:* La festvespero aranĝita de la H. P. K. E. tre bone sukcesis. S-ro Witterijk, prez. de la Belga Esp. Ligo, faris la festparoladon. Kantoj, muziko, deklamoj kaj amuza teatraĵo agrabligis la vesperon. — *Harderwijk:* La grupo „Amikeco-Frateco" konsistas nun el 56 membroj, ĉiuj belgaj internigitoj. S-ro E. Maesschalk komencis novan kurson kun 30 lernantoj. En la internigejo estis ankaŭ starigita Esp. societo komedia (sekr. S-ro E. Maesschalk), kiu la 29 januaro scenludis sian unuan reprezentaĵon („Du Biletoj" kaj „La heredaĵo Klodarec") en Amsterdamo kun granda sukceso. — *Utrecht:* La militista Esp. Societo kalkulas nun 76 membrojn. Ĝi decidis peti de la militministro permeson porti en la armeo la verdan stelon, laŭ ekzemplo de la Lisbona Esp. Societo. — *Zwolle:* Okazis en la Publika Legejo parolado de S-ro H. Menalda, sekve de kiu 20 personoj sin enskribis por kurso.

## Norvegujo.

*Kristiansund:* Post kurso de S-ro Olav Farstad oni fondis novan klubon kun 16 membroj sub la nomo „La volo". Prez.: Enge; vicprez.: A. Svendsen; sekr.: F-ino J. Arnesen.

## Portugalujo.

*Lisbono:* Pro politikaj okazintaĵoj la Lisbonaj Esp-istoj ne povis efektivigi la 15 decembro sian anoncitan feston memorigantan la datrevenon de nia Majstro. Tiun feston ili efektivigis la 18 januaro ĉe la Nacia Teatro, laŭ speciala permeso de la Ministro de l' Publika Instruado. Oni ne povus postuli pli bonan sukceson; la vasta kaj arta Teatro estis tute plena, kaj la programo estis la plej alloga. Ĉeestis L. M. la *Prezidanto de la Respubliko* kun la Ministro de l' Publika Instruado kaj estas notinda la fakto, ke L. M. la Prezidanto estis reveninta al Lisbono tiun saman vesperon post vojaĝo al nordo. Kiam la Prezidanto montriĝis ĉe sia loĝio la publiko dum pli ol dek minutoj varme kaj entuziasme aplaŭdadis lin. Jen nun kelkaj detaloj pri la programo: 1e „L' Espero" de la Studenta Orfeono; 2e „Sunplena mateno", portugala komedio, ludata de du el la plej

amataj geaktoroj de Lisbono; 3e „La rolo de internacia lingvo en la modernaj socioj", parolado de D-ro Carneiro de Moura, tre elokventa oratoro; 4e Poezioj en portugala, franca kaj Esperanta lingvoj; 5e Hispana kaj itala kantoj; 6e „Punta mantiljo" (tre ŝatata portugala duakta komedio en versoj). Dum la festo tre bele, dolĉe kaj arte ludis la Blindula Orĥestro. La neta enspezo de tiu festo estos disdonata inter kvin portugalaj homamaj institucioj; Lisbona Esp. Societo, organizinto de la festo, neniom ricevos por si kaj tiu ĉi fakto igis la feston tre simpatia kaj aplaŭdinda, ĉar ĝi montris tiel la bonajn sentojn de la Esp-istoj. La Lisbonaj Esp-istoj estas treege dankaj al la Organiza Komitato kaj speciale al S-inoj Etelvina Silva kaj Adelaide de Carvalho kaj al S-ro Adelino de Carvalho, kiuj multe laboris por la bonsukceso de la dirita festo. La 13 januaro fondiĝis nova grupo, laŭnome „Lisbona Verda Stelo". Ĝi celas precipe la enkondukon de Esperanto en la laboristajn rondojn. UEA estis oficiale reprezentita en la festo ĉe la teatro kaj en la fondo de l' nova Grupo. — *B. M. d'A.*

## Svedujo.

*Göteborg:* La Esp. Unuiĝo aranĝis grandan feston. Nova kurso komenciĝis kun 25 partoprenantoj. Okazis parolado de S-ro C. Eriksson pri la temo: „Kion ni gajnis kaj gajnos per Esp." — *Skara:* Esp. Klubo fondiĝis. Okazas nova kurso gvidata de S-ro K. G. Anderson. — *Sundbyberg:* Okazis propaganda kunveno en la granda salono de la Popoldomo. S-ro T. Rosengren, el Stockholm, parolis pri „vojaĝo tra Italujo". Muziko, kanto, dialogo kaj danco sekvis. Kurson kun 34 partoprenantoj gvidas S-ro T. Rosengren. — *Stockholm:* La laborista grupo projektas novan kurson. La „Esp.-amikoj" komencis kurson kun dek anoj. Granda manko de vortaroj estas nun grava malhelpo en Svedujo. Espereble tiu afero tamen ordiĝos en la plej proksima tempo. — *Tunmersdala:* S-ro Harngvist, el Skara, gvidas kurson kun 15 anoj ĉe bontemplanoj.

## Svisujo.

*Genève:* La arta kaj eduka gazeto „Aujourd'hui" publikigis longan artikolon pri la pedagogia eksperimento en Eccles. — *Lausanne:* La nova komitato de la grupo konsistas el S-roj Jaquillard, prez.; de Lerber, sekr.; S-ino Droz, kas.; F-ino Buche, S-ro Krestanoff, help. La grupo kunvenas ĉiun duan kaj kvaran lundon je 8—10 h., 29, Bd. Grancy. — *Lugano:* S-ro Weilbacher malfermis kurson kun 12 lernantoj. — *Lyss:* La 2 februaro okazis la ĉefkunveno de la grupo, kiu nun kalkulas 14 personojn. La estraro por 1918 konsistas el S-ro E. Scheurer, Del. UEA, prez.; S-ino M. Wild, vicprez.; S-ro F. Müller, kas.; F-ino Kl. Billeter, sekr. Pro la malfavoraj cirkonstancoj la kunvenoj tiun ĉi vintron ne estis regulaj; ankaŭ ne povis okazi kurso. Tamen la grupo ne laciĝos. — *Zürich:* Ĉe la ĝenerala kunveno, kiu estis bone vizitata, oni elektis la jenan komitaton: Prez. D-ro P. Schacht; vicprez.-kas. S-ino P. Sing; sekr. W. Perrenoud; bibl. K. Jost; Del. UEA E. Müller. La grupo sufiĉe bone progresas. Oni baldaŭ komencos novan kurson.

## Usono.

*Escondido* (Cal.): Dank' al la afabla propono de ĝia redaktoro S-ro Percy Evans, la ĉiutaga gazeto „Escondido Times-Advocate" enhavos Esp. rubrikon. — *San Francisco* (Cal.): La Kalifornia Esp. Rondaro festis sian trian jarkunvenon kun bona sukceso. D-ro Yemans tre interese paroladis pri la valoro de Esp. por vojaĝantoj, S-ro Archdeacon, el Parizo, pri Esp. kaj komerco. — *Washington D. C.:* „The Advocate of Peace", pripaca revuo, presis gravan artikolon de S-ro G. W. Lee, prez. de l' Bostona Esp. Societo, pri „Esp. ilo de la paco".

## Argentino.

*Rosario:* La klubo havas ĉ. 100 lernantojn kaj anojn; kursoj okazos.

# DIVERSAĴOJ

.˙. **UEA en la praktiko.** — Nia Ĉefdel. en Londono, S-ro P. Blaise, komunikas al ni resumon pri la servoj, kiujn li lastatempe faris kiel reprezentanto de nia Asocio. Ĝi montras, ke eĉ dum milita tempo UEA utilas:

Serĉoj pri perditaj britaj militistoj (de aŭg. 1917, tiuj servoj ne plu povas esti farataj de UEA, sed nur de la R. K.).

Transsendo de leteroj al internigitoj en Germanujo kaj Aŭstrio kaj transdono de respondoj al la adresintoj. Ankaŭ al personoj loĝantaj en Belgujo. (Servoj nun ne plu fareblaj pro nova regulo de la registaro, kiu ordonas, ke ĉiuj korespondaĵoj estu sendataj pere de specialaj firmoj).

Helpo donita por sendo de pakaĵoj de nutrado al internigito en Aŭstrio.

Trovo de loĝejoj por francaj samideanoj en Londono.

Kondukado de fremdaj samideanoj tra la urbo.

Informoj donitaj rilate al bankoj en Francujo kun adresoj de la speciale bezonitaj institucioj.

Serĉoj pri personoj, antaŭe ne troveblaj, en Hispanujo kaj Ameriko. (Trovitaj.)

Serĉoj por rusa samideano pri sidejo de speciala societo belga. (Adreso kaj plenaj informoj trovitaj, kvankam la samideano antaŭe serĉis vane dum monatoj.)

Klopodoj faritaj por helpi samideanon italan esti akceptata kiel interpretisto en la Brita armeo. (Afero neebla por registara regulo.)

Aranĝo de kontrakto por itala samideano rilate la eldonon de libroj en Italujo post la milito.

Klopodoj faritaj por havigi pasporton al Rusujo de Svisujo tra Anglujo al rusa blindulino. (Ne sukcesa.)

Informoj rilate al edukado en Britujo dum milito donitaj al franca profesoro pere de angla samideana inspektoro.

Plenaj informoj donitaj al franca kulturisto pri specialaj fruktoj ŝatataj en Britujo kaj kulturotaj en Francujo por postmilita eksportado. (Pere de afabla angla samideano fruktovendisto.)

Informoj donitaj al franca samideanino rilate al sukcesplena rimedo kontraŭ astmo.

Diversaj petoj pri traduko de libroj anglalingven, kaj diversaj tekstoj rumanen, holanden kaj francen.

Adresoj de fabrikantoj de silkaj kaj kotonaj vestaĵoj, donitaj al holanda samideano kun rezultoj komercaj.

Serĉoj faritaj por trovi specialan malnovan metodon por studi „Amerikan orgenon". (Ne trovata ĝis nun, eble samideano povos helpi!)

Serĉoj pri „Bibliaj Tekstoj" specialaj utiligotaj kaj komparotaj kun muzikaĵoj. K. t. p., k. t. p.

— Ni petas, ke la Delegitoj de grandaj urboj bonvolu sendi similan resumon pri la ĉefaj servoj plenumitaj de ili.

# TRA LA GAZETARO

.˙. *„Amerika Esperantisto"* (septembro): Anglaj artikoloj pri „niaj teknikaj vortaroj" kaj pri la temo „kiel la japanaj vizitantoj parolas angle". Kroniko tra Usono. Super la milito, de O. Gleason. Esperanta traduko de la fama Deklaro pri Sendependeco de Usono (4 julio 1776). (Bona Esperantigo de tiaj mondfamaj dokumentoj estas ja dezirinda, sed por ke la stilo estu plene komprenebla internacie, necesas, ke la tradukon kontrolu kaj laŭbezone korektu alilandulo.)

.˙. *„British Esperantist"* (januaro). Nekrologia artikolo pri la bedaŭrata Felix Moscheles. Kuraĝigaj vortoj por la nova jaro de John Pollen, prezidinto de B. E. A. Kroniko, tre riĉa je faktoj. Esp. en la hospitaloj de Ruĝa Kruco; oni petas donacojn por starigo de

lito „Esperanto", donota al la Hospitala Komitato je la memoro de H. B. Mudie. Raporto pri la kunveno de la Eklezia Esperantista Ligo en Huddersfield. Libraro kaj gazetaro. En la februara N-ro artikolo pri la kondukado de Esp. grupo, laŭ enketo farita de S-ro S. W. Lee, prez. Bostona Esp. Societo. Kroniko. Libraro kaj gazetaro, k. t. p.

∴ *„Esperanto Monthly"* (januaro). Tiu interesa N-ro estas dediĉita al „Robert Burns, la poeto de fratamo kaj demokratio", kun biografiaj notoj kaj kelkaj tradukoj el la plej famaj versaĵoj de la skota poeto. Plie artikolo de J. D. Applebaum pri Palestino kaj Esperanto, proponanta, ke la estonta Palestina Ŝtato alprenu Esp. kiel duan oficialan lingvon (flanke de la hebrea) en la lando.

∴ *„La Espero"* (januaro). Atestoj de diversaj komercistoj pri la utilo de Esp. (svedlingve). Literaturaĵoj. Kroniko. Libroj kaj gazetoj.

∴ *„Germana Esperantisto"* (februaro). Artikolo de Markau pri Esp. kaj junularo. Alvoko de A. F. Runte sekr. de la Rejnlanda-Vestfalia Ligo, por aranĝo de germana Esp. kongreso dum 1918. Nekrologia artikolo de D-ro H. Arnhold pri niaj mortintaj samideanoj Boirac, Moscheles kaj Kant. Oficialaj komunikoj. Kroniko. Alvoko de S-ro J. E. Nicolai, Del., Dresden, por aliĝo al UEA. Eldono B. enhavas literaturaĵojn, nekrologojn, bibliografion, lingvan angulon por geknaboj, k. t. p.

∴ *„La Holanda Pioniro"* (januaro). Festparolado de S-ro Witterijk, prez. de Belga Esp. Ligo, en la Haga Esp. festvespero. Literatura Fako. Lingva Fako (diskuto pri la sufikso *-ebl* post netransitivaj verboj). Kroniko, k. t. p.

∴ *„Le Monde Espérantiste"* (decembro). Oficiala listo de la vortoj akceptitaj de la Akademio, aldone al la Universala Vortaro, Kroniko. Daŭrigo de la tradukoj: Militaj Rakontoj, de Alexis Tolstoj, kaj La Maskita Amo, de H. de Balzac.

∴ *„La Torĉo"* (oktobro) estas la nomo de hektografita bulteno, organo de Petrograda grupo de socialistoj-Esperantistoj. Redakcio: K. N. Morev, Zabalkanskij 45 loĝ. 32, Petrograd.

∴ Aliaj ricevitaj gazetoj: *„Esperanto-Raporto"*, el Danujo (januaro); *„Internacia Bulteno"*, germana informilo pri la milito, kun literatura revuo (januaro); *„Nederlanda Katoliko"* (januaro-februaro); *„Mitteilungen des Nordalbingischen Esp.-Verbandes* (januaro).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Al niaj Delegitoj kaj membroj.** — Ni insiste petas niajn membrojn, kiuj ne ankoraŭ faris tion, ke ili bonvolu pagi kiel eble plej baldaŭ al la loka Delegito aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA, la kotizaĵon por 1918, nome 2. 50 Fr. (svisa valoro) por ordinaraj membroj kaj 5 Fr. por subtenantoj. La personoj pagintaj la kotizaĵon ricevos la membrokartan banderolon kaj tridek-paĝan raporton *„Esperanto dum la milito"*.

— *Al ĉiuj membroj* ni rememorigas § 4 de l' decido de la Komitato de UEA (decembro 1917):

„La Komitato, konstatante kun granda bedaŭro, ke la nombro de la pagintaj membroj malkreskis ĝis grado, kiu minacas la fortan ekziston de UEA, insiste petas ĉiujn membrojn kaj Esperantistojn, ke dum 1918 ili penu varbi novajn aliĝantojn. Ne sole UEA meritas subtenon, sed ĝi nepre bezonas ĝin en la intereso de la tuta postmilita movado. La Esperantistoj ne forgesu, ke de malaltaj dummilitaj oferoj povas dependi la sukceso aŭ malsukceso de l' estonto."

— *Ĉiuj Delegitoj* estas petataj, zorgi pri la plej baldaŭa enkasigo de la kotizaĵoj por la kuranta jaro. Por eviti plendojn aŭ konfuzojn, ili bonvolu transsendi al nia Oficejo la kotizaĵojn tuj post ricevo.

**Pri malaperintaj militistoj.** — Nia Oficejo ofte ricevas petojn por serĉado de malaperintaj militistoj. Ĉar estas neeble, ke ni povu mem fari la necesajn esplorojn, ni nur povas transdoni tiujn informpetojn al la koncernaj Ruĝ-Krucaj organizaĵoj, kiuj faris specialajn aranĝojn por la plenumo de tiu servo. Sed ĉar la personoj plej ofte sin turnas al ni jam skribinte al la Ruĝ-Krucaj Societoj kaj ricevinte nean respondon, tiuj klopodoj donas nenian rezultaton kaj nur kaŭzas perdon de tempo tiel ĉe nia Oficejo kiel ĉe la Ruĝ-Krucaj Oficejoj. Ni do tre petas, ke oni bonvolu estonte sendi ĉiujn petojn pri malaperintaj militistoj, ne al UEA, sed rekte al la naciaj Ruĝ-Krucaj Societoj aŭ al la R. K. informejo pri militkaptitoj en Ĝenevo. Estas senutile skribi al ni post kiam oni jam klopodis ĉe tiaj organizaĵoj.

**Kotizaĵoj por 1918.** — Je la 31 januaro estis enkasigitaj 605 kotizaĵoj (el kiuj 50 subtenantoj). Krom tio estas 157 dumvivaj membroj. Sume: 762. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 24.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato januaro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 608 | 231 |

*Tuta sumo*: 839. (Antaŭa monato: 1127.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Tria listo*:

32. W. Padfield (Bath, Angl.). — 33. J. Barrera (Teya, Hispan.). — 34. F-ino A. Clark (Bath, Angl.). — 35. S. Andrew (Feilding, Nov-Zelando). — 36. G. Ferree (Urbana, Usono). — 37. F. Fraser Jamieson (Glasgow). — 38. Stuart Jamieson (Glasgow). — 39. F-ino J. Dalglish (Glasgow). — 40. W. Pratt (Grange-over-Sands, Angl.). — 41. P. Schacht (Zürich). — 42. S. Boon (Zuidhoorn, Nederl.). — 43. M. Pearson (Sheffield). — 44. W. Cnossen (De Jutrijp, Nederl.). — 45. H. Callagan (Bromborough, Angl.). — 46. R. Robertson (London). — 47. T. Gibson (Worthing, Angl.). — 48. S. Kirkbright (Accrington, Angl.). — 49. J. Roseboom (Rochester, Usono). — 50. Fuhrmann (Düsseldorf).

**Adresŝanĝo.**

*Cette* (Francujo, Hérault). — D.: S-ino Marthe Juillard, profesorino, 23, rue Jeu de Mail.

**Rimarko.**

Provizore ne plu estas Del. en *Totok* (Celebes, Nederl. Indio).

# Esperantista Parolejo

### Al la kolektantoj de ilustritaj poŝtkartoj

Tiu ĉi gazeto *„Esperanto"*, kiu estas legata de preskaŭ ĉiuj Esperantistoj en la mondo, regule enhavas liston de adresoj de personoj, kiuj deziras korespondi kun samideanoj el fremdaj landoj. Certe la plimulto el tiuj anoncintoj nur kolektas diversnaciajn ilustritajn poŝtkartojn. Bela kaj certe ne malaprobinda emo; tamen

malaprobinde estas, ke multaj el tiuj personoj presigas sian adreson nur por havigi al si mem bildkartojn kaj tute ne pensas al reciprokeco. Sperte mi scias, ke, kiam oni sendas al tiaj personoj bildkartojn, ili kompreneble ĝojas pri la pliriĉiĝo de sia kolekto, sed forgesas la forsendinton kaj ne respondas al li.

Ĉu estas bona metodo, tiamaniere al si havigi fremdajn kartojn, profitante la konfidon de aliaj bonkredemaj personoj?

Unue la korespondemuloj perdos la konfidon je la anoncintoj, ne nur je trompemaj, sed ankaŭ je bonvolaj, ĉar ili ne scias, ĉu oni respondos al iliaj poŝtkartoj. Sekve la unuaj estas la kulpo, ke la korespondado malfortiĝas kaj maloftiĝas, kio certe estus bedaŭrinda por la interrilatado, precipe inter nespertaj Esperantistoj. Due ili malutilas al ĉi tiu gazeto.

Do, karaj kolektemuloj, bonvolu de nun presigi vian adreson kiel korespondanto nur tiam, kiam ankaŭ vi deziras reskribi al personoj, kiuj bonfide al vi sendis kartojn.

*G. H. Degenkamp*, Utrecht (Nederlando).

Ni principe aprobas la pravajn rimarkojn de nia korespondanto. Ni tamen atentigas, ke en la nuna stato de la internaciaj komunikoj, la kulpulo ne ĉiam estas la anoncinto, sed ofte la cenzuro, kiu ne enlasas senkulpajn Esperantajn skribaĵojn kaj tre arbitre kondutas pri nia lingvo. — Por kontraŭbatali la malbonon, pri kiu plendas nia korespondanto, UEA fondis kelkan tempon antaŭ la milito specialan Interŝanĝan Fakon, kies membroj havis la devon, respondi al la samfakanoj. Okaze de neresponde, la kulpulo estis forstrekata post plendo kaj enketo. Pro la milito la funkciado de la Interŝanĝa Fako estis interrompita, sed kiam la komunikoj estos denove bonaj, ĝia restarigo sin trudos, ĉar ĝi respondas veran bezonon. — *(Red.)*

### Oni laŭdas!

∴ *D-ro Schatz*, el Budapest, rehejmiĝante post tri jara militkaptiteco, profunde dankas pro la kortuŝanta akcepto dum sia veturo tra Svisujo.

# Lingvaj Studoj

9. *Pri la radiko plant'*

Pri tiu radiko, tre necesa kaj cetere jam internacia, regas ankoraŭ iom da konfuzo en niaj vortaroj. Ekzemple, en la Esp.-angla vortaro de Millidge, oni deiras de la verba radiko *plant-i* (A. *to plant*, F. *planter*, G. *pflanzen*), el kiu derivas *plant-o*, *-ado* por la ago planti kaj *plantaĵo* por A. *plant*, F. *plante*, G. *Pflanze*. En la Esp.-germana de Jürgensen, oni uzas *plant-i*, *plant-o*, *-ado*, sed por G. *Pflanze* kreskaĵo. La samon faras Grosjean-Maupin en la franca-Esp. vortaro; F. *plante* tradukiĝas per *kreskaĵo*, sed en la Esp.-franca vortaro de la sama aŭtoro oni trovas *planti* = *planter* kaj *planto* = *plante*, t. e. kreskaĵo. En la germana-Esp. vortaro de Christaller *Pflanze* tradukiĝas per *planto* aŭ *kreskaĵo*, *pflanzen* per *planti*. Do, laŭ la vortaroj, planto signifas jen agon, jen aĵon. La Universala Vortaro havas la radikon *plant'* kun la tradukoj: F. *planter*, A. *plant*, G. *pflanzen*, sed por la aĵo ĝi montras *kreskaĵo*.

Ni rigardu la jenan tabelon:

| A. | F. | G. | I. | H. |
|---|---|---|---|---|
| *plant* | *plante* | *Pflanze* | *pianta* | *planta* |
| *to plant* | *planter* | *pflanzen* | *piantare* | *plantar* |

El tio sekvas, ke en ĉiuj tiuj lingvoj la primitiva vorto signifas la aĵon, el kiu derivas la verbo. La internacia uzo do postulus, ke en niaj vortaroj troviĝu *plant-o* (A. *plant*, F. *plante*, G. *Pflanze*) kiel substantiva radiko, el kiu derivas la verbo *planti*, t. e. fari la kutiman agon rilatan al la radiko *planto* (A. *to plant*, F. *planter*, G. *pflanzen*). La ago planti estas *plantado*. La serio *plant-o*, *planti*, *plantado* estas el la sama tipo kiel la serio *kron-o*, *kroni*, *kronado*, ĉe kiu la patrovorto estas konkretaĵo. El *planto* devenas *plantaro*, *planteto*, *plantejo*, k. t. p., kiuj estas pli oportunaj ol *plantaĵaro* aŭ *kreskaĵaro*, *plantaĵeto* aŭ *kreskaĵeto*. Cetere *kreskaĵo* povas resti en la kumuna lingvo kiel esprimo pli ĝenerala ol *planto*.

(4)[1]. *Almiliti kaj konkeri*

Se la senco de *almiliti* ne estas ĝusta (pri tio mi konsentas) kaj se *militakiri* ne havas sufiĉe larĝan sencon, kial ne uzi *venkakiri*, *venke-* aŭ *rabgajni*, *fortakiri*? Estus preferinde uzi du aŭ tri apartajn vortojn ol uzi novaĵon, kiun oni ne facile trovus ĉe nacilingva leksikono. — *C. G. S. Menteth, B. A.*

**Respondo:** Speciala esprimo por la ideo, kiun montras la supraj vortoj, ne estas novaĵo. Ekzemple, en la Vortaro de Kabe kaj en la Esperanta-angla vortaro de Millidge oni trovas *konkiri*, en la Esperanta-franca vortaro de Grosjean-Maupin *konkvesti*, en la franca-Esperanta vortaro de la sama aŭtoro *konkiri*, en la germana-Esperanta vortaro de Christaller kaj en la leksikono de Boirac *konkeri*. Sed estus necese, ke oni elektu nur unu formon. Ni jam diris, ke *konkeri* estas la plej internacia.

[1] La cifero inter krampoj montras la vican numeron de jam pritraktita temo.

# Alvokoj

### Enketo

Mi deziras kolekti aludojn: 1e al internacia lingvo ĝenerale; 2e al Esperanto speciale, kiuj troviĝas en modernaj verkoj ĉiuspecaj, sed precipe en romanoj. Ĉu samideanoj kompleze sendos al mi la titolojn (kun la nomoj de la aŭtoroj kaj eldonistoj) de verkoj, en kiuj ili trovis tiajn aludojn? Ankaŭ, ĉu oni povas liveri al mi informon pri la Esperanta movado: 1e en la Rom-Katolika Eklezio (societoj, gazetoj, libroj); 2e en la Orienta Ortodoksa Eklezio (Rusujo, Grekujo, k. t. p.); 3e inter la Luteranoj (Germanujo, Norvegujo, Danujo, Svedujo); 4e inter la Malnov-Katolikoj? Ĉiujn helpantojn antaŭdankas

*Pastro Harris*, N. A. B. Litt.,
111, St. Helen's Rd., *Swansea* (Britujo).

### Ekspozicio

En monato majo okazos en *Locarno* (itallingva Svisujo) Internacia Ekspozicio de Esperanto, por kiu oni tre petas la alsendon de komercaj prospektoj, reklamiloj, katalogoj, Esperantaj lernolibroj, verkoj, propagandiloj, gvidlibroj, poŝtkartoj, markoj, fotografaĵoj, k. a.

Sendu ĉion al la Vicprez. de la Esp. Klubo, Stefano Pedrazzini, Locarno (Svis.).

# *Al niaj abonantoj*

*De la 1. januaro la prezoj de la papero kaj de la presado ankoraŭ grave plialtiĝis. Dum la elspezoj senĉese kreskas, la enspezoj de nia gazeto malgrandiĝas parte pro la malfavora kurzo, parte pro la fakto, ke ĝi ne estas enlasata en kelkajn landojn. Konsiderante tiujn cirkonstancojn ni do estus rajtigataj plialtigi la abonprezon — kiel jam faris la pli multaj gazetoj — aŭ malpligrandigi la nombron de la paĝoj. Ni tamen decidis tion ne ankoraŭ fari kaj elporti pliajn oferojn por aperigi la gazeton samamplekse kiel ĝis nun kaj sen plialtigo de prezo. Sed por ke tiu decido ne tro endanĝerigu la financan staton de nia gazeto, estas nepre necese, ke ĉiuj ĝisnunaj abonantoj restu al ni fidelaj. Ili tre helpos nin repagante sian abonon kiel eble plej baldaŭ post ricevo de la koncerna avizo kaj tiamaniere evitante al ni pluajn klopodojn. Antaŭan dankon al ĉiuj!*

# Niaj Mortintoj

Ni kun ĉagreno ricevis la informon pri la subita morto de **Doktoro M. Kandt**, sindiko de la Komerca Ĉambro en Bromberg, kiu estis fervora Esperantisto kaj ludis gravan rolon en nia movado, precipe en Germanujo, de la jaro 1908 ĝis 1912. Doktoro M. Kandt estis elektita kiel sekretario de Germana Esperanto-Asocio, kaj tiun postenon li okupis ĝis la jaro 1912. Li kiel komercisto kaj gvidanto de komerca organizaĵo tre interesiĝis je la disvolviĝo de UEA. En 1908 li fariĝis komitatano de UEA kaj speciale sin okupis pri la komerca fako. Li ageme partoprenis en la diskutoj de la kongresoj de UEA en Augsburg kaj Antverpeno. En 1912 Doktoro M. Kandt devis rezigni je la oficoj de gvidanto de G. E. A. kaj komitatano de UEA, sed kvankam li ne povis tiel aktive labori kiel antaŭe, li restis fidela Esperantisto. Doktoro Kandt mortis nur kvindektrijara.

* * *

La klubo de Le Locle (Svis.) funebras. Nia honora prezidanto, **S-ro prof. A.-P. Dubois**, eksdirektoro de la lernejoj, ĵus mortis, 65-jara. Li estis la unua Esp-isto, la unua pioniro de nia lingvo en Kantono Neuchâtel kaj unu el la unuaj svisaj Esp-istoj. En multaj aneroj oni tre ŝatis lian rimarkindan scion, lian modestecon kaj afablecon. Estas grava perdo por ni. En la antaŭlasta kunveno de nia klubo ni havis la grandan ĝojon, vidi inter ni nian karan samideanon kun lia filino F-ino Louise Dubois. Ho ve! Estis lia lasta ĉeesto. Mi parolis kun li en nia kara lingvo. Estis nia lasta interparolo. Nun ripozas nia fidela kunbatalinto, kaj ĉagrene, ni vidas grandan malplenan lokon en niaj vicoj. Lia familio, kies multaj anoj estas Esperantistoj, bonvolu akcepti niajn respektplenajn kondolencojn. — *E. D.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*.
PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

ALLESTED ST. (Danujo). — S-ro Holger Hansen, Vejle Skole, PI, L (precipe kun instruistoj).

ARNHEM (Nederlando). — S-ro A. F. J. M. de Wit, pastro, S-ta Walburgo-preĝejo, PM (precipe militmarkojn, ankaŭ kontraŭ PI). (Ankaŭ en la nov. kaj dec. N-ro oni legu: de Wit, anst. Smit.)

BERESOWKA (Zabajkalskaja gub., Siberio). — S-ro Koncz János, militkaptito, Einj-Freiw. Korporal, Rotte 200, Baracke 73, PI, L.

DOESBURG (Nederlando). — S-ro H. v. Duuren, Mauritzkazerne, PI (nur haven- kaj marvidaĵoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Eugen Maesschalk, Blok 5, PI, L PM.

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro S. Barbieux, Barako 6, PI, L.

KÄVLÄS (Svedujo). — S-ro Peter Berg, Kungslena PI, L (kun ĉiuj landoj).

LOCARNO (Svisujo, Tiĉino). — S-ro Carlo Bazzi, instruisto (nur PI).

LOCARNO (Svisujo, Tiĉino). — S-ro Antonio Lanfranchi, instruisto (nur PI).

LONDON N 8 (Anglujo). — S-ro F. Crowl, 15, Harringay Gardens, PI, L (kun Ital. kaj Japan.), PK, L (kun Svis. kaj Hispan.).

MAC KEESPORT (Usono, P. A.). — S-ro Randolph Sundwall, 416, Willow St., PI (kun ĉiuj landoj).

MURALTO (Svisujo, Tiĉino). — F-ino Giuseppe Alliata (nur PI).

MURALTO (Svisujo, Tiĉino). — F-ino Vivienne Adamina (nur PI).

SKARA Svedujo). — S-ro E. W. Ahman, 3, Skolgatan, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

SKARA (Svedujo). — S-ro K. G. Anderson, 48, Järnvägsgatan, nur L. (Serĉas ĉiulande konstantajn korespondantojn).

UTRECHT (Nederlando). — S-ro G. J. Degenkamp, Bethlehemweg 36, PI (nur preĝejoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ESPERANTAJ POEMOJ aperis, de C. Chr. Droogendijk, Del. de UEA, Stavenisse (Nederlando). Prezo: 0.20 Sm. Havebla ĉe la verkisto post ricevo de du internaciaj respondkuponoj.

PSIKISMO-STUDENTOJ, KURACISTOJ, INTERESITOJ je psikologio, eksterordinaraj cerb- kaj nervmalsanoj, postmortaj fenomenoj, psika enketado, komuniku kun mi, rilate internacian asocion por studi tiujn ĉi fenomenojn. Amatoroj, PK- kaj PM-kolektantoj ne skribu. *Armand B. Coigne*, 2633, Creston Avenue, Bronx, New York, N. Y., Usono.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO